# LA LAMPIRO

56-a jaro N-ro 136 2015:2



La 100-a UK

Puzloj

KER-ekzameno

# 9-a Esperanta Kongreso de la Ŝtato San-Paŭlo



# Paranapiacaba

## 10 - 12 oktobro 2015

Organizantoj

Esperanto-Asocio de San-Paŭlo

ESPERANTISTAS DO ABC · ESPERANTISTOJ EL ABC

Apogantoj

Brazila Esperantista Junulara Organizo

Brazila Esperanto-Ligo



Tridimensia puzlo


# LA LAMPIRO *56-a jaro n-ro 136 2015:2*

**Organo de Esperanto-Asocio de San-Paŭlo**
(Aperas trifoje dum la jaro)

**Ĉefredaktantoj**: Francisco S. Wechsler (esperanto@fswechsler.com) kaj Paulo S. Viana (psviana@terra.com.br)

**Grafikaranĝo**: Francisco S. Wechsler

*La redaktantoj ne respondecas pri la subskribitaj artikoloj*


---

## easp

**Esperanto-Asocio de San-Paŭlo**
Fondita en la 29-a de Marto 1937


**Propra sidejo**
Rua Faustolo, 124 - Água Branca
05041-000 São Paulo, SP - Brazilo
Telefono-faksilo: (11) 3862-1183
easp.org.br - contato@easp.org.br


**Jarkotizo por 2015**

| | |
|---|---|
| Simpla Membro | R$ 120,00 |
| Subtena Membro | R$ 240,00 |
| Ŝtatinterna Membro | R$ 60,00 |
| Aligita Grupano | R$ 36,00 |
| Aliĝinta Grupo | R$ 20,00 |



**Deĵoroj**: lunde: 12h – 16h; marde 9h – 18h; merkrede kaj ĵaŭde: 14h – 18h; vendrede: 14h – 18h; sabate: 9h – 18h.

## ENHAVO

# Enkonduko

Estimataj Gelegantoj:

La nuna numero de *La Lampiro* iom malfruis, tamen la malkuratecon certe kompensas ĝia riĉa teksto kaj bunta enhavo. Ni estis tre bonŝancaj ĉi-foje pro la ricevo de diverstemaj materialoj verkitaj de pluraj aŭtoroj.

Frederiko Saŭmi debutas en nia revuo per la filozofieca rakonto *La kadavro, kiu ne konis sin*, en kiu li klopodas pridiskuti la vivon kaj la universon.

Sekvas guteto da gramatiko, verkita de Paulo S. Viana, pri la rolo de *ties*. Ni ĉiuj lernis ĉi tiun tabelvorton en baza kurso, sed… ĉu vi vere scias uzi ĝin? ĉu vi vere kapablas distingi la subtilaĵojn, kiuj rezultas el ĝia uzado?

Maria Antônia Sobral prezentas belegan, multe ilustritan artikolon pri puzloj. Ŝi parolas pri ilia historio, fabrikado, utileco, kaj prezentas multajn ekzemplojn. Ŝi ankaŭ intencas inaŭguri diskutliston por Esperantistoj puzlamantoj… sed pri ĉio ĉi legu ŝian artikolon.

Poste venas raporto de Paulo S. Viana pri la ĉi-jara Universala Kongreso, kiu estis la 100-a tiaspeca evento kaj venigis preskaŭ 3000 kongresanojn. Laŭ li, la ĉefa kvalito de la UK estis ĝia kapablo diskonigi la lingvon kaj ĝian movadon.

Pri la sama temo skribis Maria Nazaré Laroca, kiu elektis la tri plej elstarajn programerojn de la Jubilea Kongreso. Laŭ ŝi, ili estis la prelego pri Esperanta poezio (kompreneble!); la ekskurso al Bulonjo-ĉe-Maro; kaj la babilado kun tri generacioj Zamenhofaj. Plion ni ne mencios… legu la raporton! Ankaŭ legu ŝian poemon ĉe la lasta paĝo.

Ivan Colling artikolis pri la Kvara Tutmonda Sesio de Ekzameno de Lingvokono pri Esperanto, la Komuna Eŭropa Referenckadro por Lingvoj. Ĉu vi scias, ke ĝi ankaŭ okazis en du Brazilaj urboj (Kuritibo kaj Macejoo)? Kaj ke Kuritibo partoprenis en ĉiuj kvar sesioj? Detalajn informojn kun fotoj prezentas la aŭtoro.

La nomon Francisco Valdomiro Lorenz konas ĉiu serioza Esperantisto. Li estis unu el la pioniroj de la Esperanto-movado en Brazilo kaj homo kun enviinda klereco. Leandro Abrahão parolas pri malmulte konata lingvistika verko de tiu pioniro, nomata *Iniciação Linguística* (Lingvistika Inicado), en kiu Lorenz klopodas demonstri, ke ĉiuj idiomoj havas unu solan, komunan originon. Ĝian antaŭparolon Leandro esperantigis, por doni pli bonan ideon pri la konceptoj de Lorenz.

Paulo S. Viana regalas nin per artikolo pri la fama artistino Tomie Ohtake, antaŭ nelonge forpasinta. Tomie naskiĝis en Japanujo, sed venis ankoraŭ juna al Brazilo (ŝtato Sanpaŭlo), kie ŝi desegnis, pentris kaj skulptis dum preskaŭ sepdek jaroj. Omaĝe al ŝi oni starigis la Instituton Tomie Ohtake, en la urbo Sanpaŭlo.

Ni finas per mallonga salutparolado de L. L. Zamenhof, kiu servu por rememorigi ne nur lian apartan personecon, sed ankaŭ lian stilon.

Ankaŭ vi kontribuu al *La Lampiro!*

La ĉefredaktantoj

# La kadavro, kiu ne konis sin

## Malgranda rakonto pri la vivo, la universo kaj iliaj subtilecoj[1]

**Frederiko Saŭmi**
(facebook.com/frederico.salmi)

Je la komenco estis la ĉielo kaj la tero. La treege bela etulino naskiĝis en la fajrlando. Hella ŝatis ludi sur la plenfloraj kampoj kaj verdaj arboj de sia mondo. Tie ankaŭ loĝis aliaj afablaj bestoj. Laŭ ŝi, ĉiuj vivaj estaĵoj estas amuzaj. El ĉiuj, la etulino amis speciale ludi kune kun tri el ili: Duho, Vipo kaj Sanso. La unua besto nek aŭdis, nek vidis perfekte, pro sia maljuneco. La dua estis lerta kaj ĝi havis la plej bonan flaron de la planedo. La tria kaj lasta estis la plej malgranda el ili kaj ekde ŝia naskiĝotago ĝi akompanis ŝin.

Unu tagon Hella aŭdis strangan frazon el nekonata almozulo:

— Kiam vi vidos brilimon[2]... en ĉi tiu tago, vi ne plu vidos viajn agrablajn amikojn — la olda viro profetis al ŝi. Bedaŭrinde, kiam la eta knabino aŭdis tion, ŝi sentis malagrablan senton pri tia pensado. Ili estis kune kun la bela knabino ekde kiam ŝi debutis en la mondo, do ŝi ne konsideris tiun komenton. La knanjo ne forlasus siajn amikojn. Krome, ŝi demandis nenion al la maljunulo.

— La tempo pasis kaj ankaŭ kuras! Kaj ni kuras kun ĝi. Aŭ ĉu la tempo kuras tra ni, aŭ per ni, eble? Ĉi tio ne plu estas grava nun — ŝi pensis. Ĉio okazis nokte. Tiam, la tempo prezentis ŝiajn cikatrojn: ĉiuj malĝojaj realecoj estis sentitaj en tiu nokto. Do, la junulino vivis la plej acidan realecon de sia vivo.

La turno-vento de senfinaj kaj strangaj eventoj, kiu trapasis ŝin, alvenis al la fino. La juna virino estis ankoraŭ paralizata, nekompreneble, antaŭ tiu ekstravaganca matematiko pri la kadavroj. — Vi konas min pli bone, ol mi mem konas min! — ŝi lace konfesis. Tiam finfine mateniĝis.

— Spirado estas ĉio — la maljuna viro diris al ŝi. Tio estas unu el liaj multaj klasikaj frazoj. Ŝi estis, ankoraŭ spireganante, sidanta sur la ŝtono. Li estis rigardanta apud ŝi. Dum kelka tempo, neniu babilado. Li prizorgante brakumis ŝin per siaj trankvilaj okuloj.

— Vi meritas premion — li flustris al ŝi kun rideto sur sia vizaĝo. Li komforte malleviĝis kaj ĝentile metis siajn manojn sur ŝiajn ŝuojn por senŝuigi ŝin. Ŝi, ankoraŭ hebetece pro la perdo de siaj tri bonaj amikoj, kaj sen kompreni la agon de li, nur rigardis lin strange.

— Kadavro malestimas ŝuojn. Memoru ĉi tiun konsilon — diris la saĝulo, samtempe forigante la lacajn ŝuojn de ŝiaj delikataj piedoj, kiuj nudaj ne sentis la freŝan teron ekde la tempo, kiam ŝi estis infano.

Tiam la senvestaj piedoj tuŝis la rosan greson. En ĉi tiu momento, ŝi vidis la estaĵon. Ĉarma brilimo milde eksidis sur unu el ŝiaj manoj. Tiam ŝi sentis agrablan ektremon tra sia tuta korpo. Ĉi tiu afabla ektremo sur ŝia korpa haŭto estis kiel delikata kareso de la amata persono.

Ŝi sentis interne la brilan lumon, kiu karesis ŝian animon. Do, finfine Hella sentis siajn piedojn, nun tute nudajn. Ŝiaj sentoj estis vekitaj: ŝi aŭdis la muzikecon de la vento, kiu emanis de la foliaro de la arbaro; ŝi povis senti la kolorojn de la aromoj de la trapasantaj floroj tra ŝiaj korpo kaj animo, kaj tiel plu. La humila Gvandii stariĝis kaj donis al Hella: bovlon, nadlon kaj silekson[3].

— Nun mi pensas ke vi scios kiel uzi ĉi tiun ilon — kaj rigardante al ŝi, ĝentile li palpebrumis al ŝi kaj diris: — Sublimi estas ankaŭ nepre necese — alia frazo, kiun li ŝatis diri al ĉiuj en la adiaŭa momento. Do la plejaĝulo foriris kun sia ĉarma, magneta, taŭga kaj luma rideto sur sia vizaĝo.

Tiam, la bela virino kaptis la ĝustan amplekson de la vivo kaj kriis kvarventen[4] pri la fina venko: — Kia sensacio MIIIIII-RIIIIIINN-DA-A-A! Uhhĥuuuŭ, tiu momento estas simple.... — En la daŭro de mia tuta vivo mi neniam vidis tiel ĉarman, belan estaĵon!

La saĝulo, kiu estis ankoraŭ proksime, nur ridis kaj diris al si mem: — La mondo estas vere bela loko por vivi bunte! Alivorte, simple... — kaj li revenis al sia vojaĝo tra la mondo kun siaj tiel belaj kaj ekzotaj estaĵoj.

Notoj

[1]Reviziintoj: P. S. Viana, V. Mendes, L. Silvestre (Brazilo), F. Cesarano (Usono), A. Escomu (Hispanio).
[2]Estaĵo, kiu celas liberigi la homojn disde la suferoj per konscio.
[3]Fajroŝtono.
[4]Ĉiudirekten.

## Guto da gramatiko: la vorto *ties* (Paulo S. Viana)

*Ties* estas vorteto malofte uzata. Ĉu vi ĝuste uzas ĝin? *Ties* signifas: *de tiu*, *de tiuj*, *de tio*. Oni uzas ĝin kiel sinonimon de *lia*, *ŝia*, *ĝia*:

Kiu amas kaj laboras , *ties* koro estas pacema. (=… *lia* koro)

Marta longe marŝis, *ties* piedoj estis jam lacaj. (= … *ŝiaj* piedoj)

Kies amiko mi estas, *ties* feliĉon mi deziras. (= … *lian* feliĉon)

Esperanto estas facila, sed ties gramatikon oni devas lerni. (= … *ĝian* gramatikon)

Ekzistas tamen “speciala” uzo de la vorto *ties*, por fari la frazon pli klara. Kiam ekzistas du malsamaj personoj aŭ aferoj en la frazo, ĝi taŭgas por fari la distingon:

Petro telefonis al sia amiko por informi, ke *lia* patro estas malsana. (La patro de Petro.)

Petro telefonis al sia amiko por informi, ke *ties* patro estas malsana. (La patro de la amiko.)

La laboristo laboris kun kolego, kiam *lia* piedo vundiĝis. (La piedo de la laboristo.)

La laboristo laboris kun kolego, kiam *ties* piedo vundiĝis. (La piedo de la kolego.)

La infano ludis kun pupo, sed *ties* kapo frakasiĝis. (La kapo de la pupo, feliĉe!)

Tiaj detaloj faras la lingvon Esperanto tre riĉa je nuancoj.

# Puzloj — koninda mondo

**Maria Antônia Sobral**

Ĉu vi jam estis antaŭ iu enigmoludilo farita per bendsegilo? Jes, vi certe jam vidis almenaŭ unu dum via vivo. Jen kion oni nomas *puzlo*. Mi klarigos al vi pri tiu vorto.

Laŭ *Plena Ilustrita Vortaro* (`www.vortaro.net`), la ludo konsistanta el bildo gluita sur kartona aŭ ligna tabuleto, kiu estis poste diversforme kaj neregule dissegita, nomiĝas *ĵigo*, aŭ preferinde *puzlo*. Fakte, la origina nomo de tiu ludo estas angladevena: *jigsaw puzzle*. *Puzzle* angle signifas, interalie, *ludproblemo*, kaj ampleksas la konatajn vortkrucenigmojn, vortserĉenigmojn, nombropuzlojn kaj logikajn enigmojn. Tamen *jigsaw puzzle* estas tiu ludo menciita supre. Kial *jigsaw*? Ĉar tiu estas la nomo de bendsegilo, uzata por tranĉi arbitrajn kurbojn. Nuntempe oni mallongigis tiun nomon kaj la ludo *jigsaw puzzle* estas internacie konata kiel *puzzle*.

Oni diras, ke la puzloj estis inventitaj prae, tamen, ĉar ne ekzistas konvinkaj pruvoj, la origino de la puzloj estas atribuita al la Angla kartografiisto John Spilsbury. Ĉirkaŭ 1760, celante helpi infanojn lerni geografion, li gluis mapojn sur maldikajn lignajn tabulojn kaj, per tranĉilo, disigis la landojn laŭ iliaj limoj, el kio rezultis diversaj pecoj.

La sukceso de la lernilludo estis tiel granda, ke en 1820 la puzloj jam estis unu el la ĉefaj didaktikaj iloj kaj tuj populariĝis kiel interesa kaj plezuriga ludo



Puzlo kreita de Pilsbury

por ĉiuj aĝoj.

Laŭ Anne D. Williams, verkintino de la libro *The Jigsaw Puzzle, piecing together a history* ("La puzlo, kunmeto de la histori-pecoj", laŭ libera traduko), komence ĉiu puzlo estis mane farita. Pro la elspezita tempo kaj la kosto de la materialo, la produkto multe kostis. Okaze de la Industria Revolucio la faradprocedo plirapidiĝis, kiam diversaj fabrikoj tra la mondo ekproduktis puzlojn por ilin vendi. Pro la malkovro de novaj materialoj kaj iloj, kiuj ebligis ĝustajn tranĉojn de la pecoj, la puzloj fariĝis pli akcepteblaj kaj pli similis al tiuj nuntempaj, kun multe da



pecetoj, kiuj perfekte kunmetiĝas. Ĉirkaŭ la jaro 1932, la kartono estis enkondukita, kaj tio tre malpliigis la koston por la fabrikado, kaj tiam la puzloj fariĝis ankoraŭ pli popularaj. Post la Dua Milito la puzloj el ligno draste malpliiĝis pro la kosto, kompare kun tiuj el kartono, kaj en la 6-a jardeko Katie kaj Robert Lewin fondis la unuan firmaon specialigitan en la produktado de puzloj, nome *Springbok Editions* (`www.springbok-puzzles.com`). Ili serĉis verkojn de pentristoj kaj altkvalite kopiis ilin por krei interesajn puzlojn. En 1964, Springbok lanĉis *Convergence* (Konverĝo) de Jackson Pollock, el 340 pecoj, kiu estis rigardata kiel la plej malfacile muntebla puzlo en la mondo. Nuntempe alia versio el 1000 pecoj de tiu sama verko estis lanĉita de *Pomegranate*, kaj oni diras, ke tiu ĉi ja estas la plej malfacila el ĉiuj.



*Konverĝo*, de Jackson Pollock

Ekde tiam, diverstipaj puzloj estis inventitaj kaj diversaj tutmondaj grupoj en Fejsbuko montras multajn belajn kaj interesajn bildojn.

Ili estas facilaj, malfacilaj, el malmulte da pecoj, multpecaj… (la nuntempe plej granda puzlo en la mondo enhavas 33600 pecojn, kaj en Brazilo ĝi estis unuafoje muntita de Eleusa Perna — legu pli en `http://noticias.uol.com.br/tabloide/ultimas-noticias/tabloideanas/2015/06/02/mulher-do-interior-de-sp-leva-11-meses-para-montar-maior-quebra-cabeca-do-mundo.htm`)



Eleusa Perna

… pri pejzaĝoj, dolĉaĵoj, pri katoj kaj katoj, bestoj, antikvaĵoj, abstraktaj artoj, porinfanaj, por Alzheimer-malsanuloj…





…el holografiaj aŭ tridimensiaj bildoj…








Do, la puzlo-mondo estas fakte grandega mondo, kie ekzistas konkursoj (spektu ĉe `http://goo.gl/7MTXMD`), renkontiĝoj, premioj — la Brazilanino Luiza Figueiredo estas rekordulino ĉe *Guinness Book* kaj *RankBrasil* pro sia plej granda kolekto da puzloj (`http://goo.gl/R4leHl`). Jen mondo, kie ekzistas multaj grupoj el diversaj landoj kaj miloj da puzlamantoj! Sed… kie estas la Esperantistoj puzlamantoj? Mi serĉis, serĉis, sed ilin ne trovis! Ne ekzistas Esperanta grupo pri puzloj!! Pro tio, mi ekkuraĝis kaj decidis krei ĝin en Fejsbuko kaj ekde nun invitas vin ĉiujn aniĝi. Ĝia lanĉo okazos kune kun la publikigo de tiu ĉi numero de *La Lampiro*. La nomo: *Puzlo-Amantoj el la Esperanta Mondo*. Partoprenu! Montru ni al ĉiuj pere de la puzloj el diversaj landoj la grandan amplekson de Esperanto en la mondo.

Jes, ja mi estas unu el la puzlamantoj de la mondo, tamen mi estas iomete pli postulema… Dum la plimulto ŝatas aĉeti ĉiajn ajn puzlojn kaj fiere ekspozicias ilin enskatoligitaj en la bretaro, mi preferas elekti tiajn, kies bildoj estas malsamaj, malfacilaj, unikaj… Pro tio, mi decidis krei miajn proprajn kaj per miaj propraj manoj ilin tranĉi. Nu, tio estas alia rakonto, kiun eble iam vi konos. Por scii iom pri mia laboro, vizitu la blogon: `manfaritapuzlo.blogspot.com.br`



# Elstara rezulto de la Jubilea Kongreso

**Paulo Sergio Viana**




La 100-a Universala Kongreso de Esperanto en Lillo (25/07–01/08/2015) estis sendube granda sukceso, laŭ diversaj aspektoj. La urbo estis bela, la kongresejo impona, la partoprenantoj multenombraj kaj entuziasmaj (2700, el 82 landoj, inkluzive de pli ol 100 Brazilanoj). La programo estis riĉenhava, por ĉiaj gustoj. Oni povis praktiki la lingvon, kleriĝi, amuziĝi, amikiĝi. La ekskursoj, abundaj kaj interesaj. Ĉio fluis tute glate.

Se mi povus elstarigi tamen unu gravan punkton, en la kompetenta organizado de la kongreso, tiam mi elektus la informadon al la ekstera publiko. En ĉi tiu rilato, la organizantoj modele agis. Oni povas diri, ke praktike la tuta urbo informiĝis pri Esperanto. Tra la stratoj oni ofte povis trovi grandajn, belajn afiŝojn informantajn pri la evento. Antaŭ la kongresejo, grandega alvoko. Restoracioj proponis menuon en Esperanto. Dufoje, en restoracio kaj en lunĉejo, servistoj salutis min en Esperanto, ĝoje kaj simpatie. Kelkaj televidraportoj favore informis pri la lingvo, pri la movado kaj pri la kongreso.

En la urbo Bulonjo ĉe Maro, kien multaj kongresanoj ekskursis, aŭtoritatuloj ĉiĉeronis ilin. Oni inaŭguris buston de Zamenhof antaŭ la stacidoma placo (Placo Zamenhof) kaj oni anoncis la kreon de urba Esperanto-kulturcentro.

Universalaj kongresoj (kaj cetere tio devus validi por ĉiaspecaj renkontiĝoj inter Esperantistoj) estas taŭgaj okazoj por malpliigi la teruran nescion de la ekstera publiko pri nia movado. Gratulon al la Loka Kongresa Komitato en Lillo, kiu ĝuste laboris tiusence.

> *Lernado havas maldolĉan radikon, sed bonan efikon.*
> *Saĝulo scias ion, sed neniu scias ĉion.*
>
> (El la *Proverbaro Esperanta*, de L. L. Zamenhof)

# Laŭ via opinio, kiuj estis la tri plej bonaj programeroj en la 100-a UK? Kial?

**Maria Nazaré Laroca**

La 100-a UK estis plej grava evento en Esperantujo kaj jubileo agrable memorinda. Tiu Kongreso ofertis al ni riĉenhavan (klerigan, artan, amuzan) bukedon da interesaj programeroj; tial malfacilas elekti la tri plej bonajn.

Malgraŭ tio mi devas plenumi mian taskon. Laŭ taga programo, unue mi citas unu el la nomata Kleriga Lundo, nome, *Esperanta poezio en Universalaj kongresoj: rigardo tra la jaroj*. Gvidis la kunsidon Humphrey Tonkin kaj Michela Lipari. Kaj ni, la ĉeestantoj, plezure vojaĝis tra la mondaj kongresoj per la legado de belaj poemoj verkitaj de famaj esperantaj verkistoj ekde la unua UK en Bulonjo-ĉe-Maro tiam, kiam Zamenhof deklamis *Preĝo sub la Verda Standardo*. Do oni feliĉe konstatas la gravan rolon de Poezio en nia komunumo.

Due, mi nepre mencias la neforgeseblan ekskurson al Bulonjo-ĉe-Maro, la emocian kunsidon en la sama ĉarma teatro tie, kie Zamenhof inaŭguris la Unuan UK-on, la gajan pilgrimadon de amaso da gesamideanoj (kunportantaj flagojn kaj afiŝojn) ĝis la stacidomo, kie alvenis la unuaj kongresanoj en 1905; la memorceremonion ĉe la statuo de Zamenhof, la emociajn paroladojn kaj kantadojn de himnoj, nome *La Espero* kaj *La Marseillaise*; la urbestran inviton en la urbodomo kaj trinkadon de bongusta vino; la bankedon en bela restoracio kaj la promenadon tra la vizitinda Malnova Urbo.

Mi finas mian respondon per la simpatia babilado de la Prezidanto de UEA Mark Fettes kun tri generacioj Zamenhofaj: la fama nepo, D-ro Louis-Christophe Zaleski-Zamenhof, lia filino D-rino Margareta Zaleski-Zamenhof kaj ŝia filo Pierre.

Jen la ligiloj por aliri tiun agrablan kaj unikan podian diskuton:

`https://www.youtube.com/watch?v=gBiyG3X9j8Q`

`https://www.youtube.com/watch?v=KZMt2Zj7Z-A`



# Kvara Tutmonda Ekzameno de Lingvokono pri Esperanto

**Ivan Eidt Colling**
<iecolling@yahoo.com.br>
Docento – DELT/UFPR; Kunordiganto de la projekto "Esperanto – Lingvo kaj Kulturo" en CELIN/UFPR

Ĉi-jare denove okazis Tutmonda Sesio de Ekzameno de Lingvokono pri Esperanto laŭ KER (Komuna Eŭropa Referenckadro por Lingvoj). Ĝi estis la kvara tia evento, kaj denove Kuritibo, pere de CELIN/UFPR (Centro de Lingvoj kaj Interkulturo de Federacia Universitato de Paranao), partoprenis en ĝi. Fakte, Kuritibo estas unu el la kvin urboj en la mondo, kiuj partoprenis la kvar tutmondajn sesiojn (en 2012, 2013, 2014 kaj 2015).

La ĉi-jara sesio okazis en du partoj: la unua en la 24-a de Aprilo, en tri urboj, kaj la dua en la 30-a de Majo, en dek du urboj. Sube mi prezentas la liston:

En Eŭropo: Parizo, Baugé, Tuluzo, Limoĝo kaj Laniono (Francio); Ĉaŭdefono (Svislando); Subotico (Serbio); Moskvo (Rusio); Hago (Nederlando).

En Ameriko: Kuritibo kaj Macejoo (Brazilo); Managvo (Nikaragvo).

En Azio: Tokio kaj Osako (Japanio); Seulo (Sud-Koreio).

La Esperantlingvaj ekzamenoj ekzistas por niveloj B1, B2 kaj C1; ili estas preparataj de ELTE ITK (Centro por Perfektiĝo pri Fremdaj Lingvoj de Universitato Eötvös Loránd, en Budapeŝto, Hungario), membro de la Asocio de Lingvotestistoj de Eŭropo (ALTE). La atestiloj estas numeritaj kaj registritaj en tiu Centro. En ĉi tiu sistemo, kandidatoj povas subiĝi aparte al skriba ekzameno (lega kompreno kaj skriba sinesprimo), al parola ekzameno (aŭda kompreno kaj parola sinesprimo), aŭ al ambaŭ. Parolaj ekzamenoj en la 30-a de Majo okazis nur en Subotico, Tuluzo, Limoĝo kaj Kuritibo. La kandidatoj en Kuritibo estis intervjuataj per interreto de la ekzamenantinoj D-rino Katalin Kováts (Nederlando) kaj Márta Kovács (Hungario).

Entute en la Kvara Tutmonda Ekzamensesio partoprenis 116 kandidatoj; 37 el ili subiĝis al parolaj ekzamenoj. En Kuritibo estis kvin kandidatoj (du por nivelo B2 kaj tri por C1; tri el Kuritibo, unu el Pontagroso kaj unu el Londrino). Reto de proksimume 50 volontuloj ĉirkaŭ la mondo laboris dum du monatoj sub la gvidado de D-rino Katalin Kováts, por ke la Kvara Sesio estu sukcesplena. Mi kaptas la okazon por danki al José Tenório, el San-Paŭlo, al la lokaj kunlaborantoj Rita de Moraes, Rangel de Castro Gotardi kaj Regis de Castro Gotardi kaj al la protektanto de la sesio, Docento Luiz Maximiliano Santin Gardenal, de la Japana fako de Departemento pri Fremdaj Lingvoj de UFPR kaj Direktoro de CELIN.

*(Fotoj ĉe la sekva paĝo.)*



D-rino Katalin Kováts, en Hago, Nederlando, gvidantino de la Tutmonda Ekzamensesio.



Kuritibo: skriba ekzameno. En la fono staras la protektanto de la sesio, Docento Luiz Gardenal (maldekstre) kaj la aŭtoro de ĉi tiu artikolo.



Organizantoj kaj kandidatoj en Macejoo.



Ekzameno en Tokio, Japanio.



Organizantoj kaj kandidatoj en Managvo.

### Korespondpeto

Mi nomiĝas Danielo (`daniforever@nauta.cu`) kaj loĝas en Kubo. Mi deziras korespondi kun vi. Mi kredas, ke Esperanto estas tre bela lingvo por interŝanĝi ideojn kun personoj el multaj landoj.

# Eminenta verko de eminenta aŭtoro

**Leandro Tomé Abrahão**



Francisco Valdomiro Lorenz (1872–1957) estis eminenta Brazila figuro. Li naskiĝis en Bohemio kaj ankoraŭ juna elmigris al Brazilo. Ĉi tie li edziĝis, havis multajn gefilojn kaj vivis ĉiam tre modeste — neniam, neniel estis riĉa. Li aŭtoris dekojn da libroj pri plej diversaj temoj, ekzemple pri naturkuracado, kabalo, kiromancio, egiptologio, spiritismo, lingvistiko kaj interlingvistiko.

En la *Analoj de la Brazila Kongreso de Esperanto*, 1957, p. 352–356, Ismael Gomes Braga (1891–1969), pionira Brazila esperantisto, jene esprimas sin pri li: *Inter la pioniroj de la Esperanto-Movado en Brazilo kaj en la mondo, la lingvisto, poligloto, filozofo, verkisto Francisco Valdomiro Lorenz elstaras pro longa tempo kaj nekomparebla klereco. Li ja estis esperantisto dum sepdek jaroj kaj majstro por tri generacioj de esperantistoj.*

*En la oficiala organo de Universala Esperanto-Asocio, revuo* Esperanto *de Majo 1957, en la paĝo 81, lia nomo aperas kun la titolo* Dojeno de la esperantistoj, *ĉar li lernis la lingvon en 1887, kaj estis vivanta kiam oni presis la revuon. […]*

*Lia nomo troviĝas sub la numero 1276 en la Zamenhofa adresaro. En 1890 li verkis kaj eldonis je propra risko kaj per propra mono la unuan Esperantan lernolibron por ĉeĥoj.*

En artikolo el julio 1957, publikigita en la revuo *Reformador* (organo de la Brazila Spiritisma Federacio), Ismael asertas ankoraŭ, ke Lorenz *bone regis okdek lingvojn, okcidentajn kaj orientajn, antikvajn kaj modernajn, inkluzive de la malnova sanskrita, el kiu li mirinde tradukis* Bhagavad-Gitâ.

Lorenz postlasis eksterordinarajn verkojn, ekzemple la lernolibron *Esperanto sem Mestre* — eble la plej ampleksan portugallingvan lernolibron de Esperanto (ĝin oni povas senpage elŝuti el `http://www.febnet.org.br/wp-content/uploads/2012/06/EsM-p.pdf`).

Ankoraŭ en sia artikolo el la *Analoj de la Brazila Kongreso*, Ismael skribas, ke *li profunde interesiĝis pri lingvistiko kaj interlingvistiko*, kaj ke *li eĉ verkis artefaritan lingvon kun la nomo* Mundial.

Ni aparte dediĉas ĉi tiun nian artikoleton al unu el liaj eksterordinaraj verkoj. En la jaro 1929 Lorenz eldonis imponan, riĉe ilustritan libron titolitan *Lingvistika Inicado* (*Iniciação Linguística*). En ĝi li aŭdace kaj tre skrupule analizas plurdekojn da lingvoj — inkluzive planlingvojn — ne nur okcidentajn, sed ankaŭ orientajn, kun la celo pruvi, ke la lingvoj de la mondo havas komunan prafonton. Laŭ Ismael, en alia artikolo el la revuo *Reformador* (februaro 1957), ĝi

estas *la plej interesa traktato pri lingvistiko, publikigita en portugala lingvo.* Ni tradukis la antaŭparolon de la verko, kaj nun prezentas ĝin al vi.

PREFACIO

*Apresentando ao culto publico brasileiro uma obra de linguistica geral, tenho por alvo, vulgarizar esta sciencia, ainda pouco cultivada neste joven e esperançoso paiz. Esforcei-me por evitar todo pedantismo, e por instruir deleitando, preferindo sempre os exemplos á méra theoria.*

*Espero que todos os que se interessam por estudos glottologicos, encontrarão neste livro attractivo material, que lhes abrirá novos horizontes intellectuaes, e os levará a compararem entre si as linguas congeneres, e a procurarem elementos communs até nos idiomas bastante distanciados. Estou convencido de que todo o genero humano teve, ao principio, uma só lingua, da qual, com o decorrer dos seculos e millenios, nasceram as principaes linguas hoje existentes e algumas já mortas; e das linguas principaes se formaram as secundarias, com seus dialectos. E' hoje difficillimo descobrir elementos identicos entre as linguas da Europa e as da Asia Oriental, ou as da Africa. Taes elementos, porém existem, e o prezado leitor encontrará exemplos mais ou menos convincentes neste opusculo; pois não me limito ás linguas indo-européas, como é costume dos glottologos que comparam as formas grammaticaes e lexicologicas dos povos da Europa e da Asia, mas submetto ás considerações e comparações mais de 60 idiomas, afim de influir nos espiritos bem intencionados a plena convicção do MONOGENISMO LINGUISTICO, como uma forte base das nobres aspirações á FRATERNIDADE COSMOPOLITICA.*

*Oxalá nasçam proveitosos fructos deste meu modesto trabalho!*

*São Feliciano, Dezembro de 1928.*

## Lingvistika Enkonduko
Misteroj, leĝoj kaj kuriozaĵoj de la homa lingvaĵo

Al la tre estimataj amikoj s-roj A. O. Rodrigues kaj Riĉard Henry Geoĝegan la aŭtoro prezentas kaj dediĉas tiun ĉi libreton.

### Antaŭparolo

Prezentante verkon pri ĝenerala lingvistiko al la klera Brazila publiko, mi celas popularigi tiun ĉi sciencon ankoraŭ malmulte kultivatan en ĉi tiu juna kaj esperiga lando. Mi klopodis eviti ĉian pedantecon kaj instrui plezurigante, preferante ĉiam ekzemplojn al nura teorio.

Mi esperas, ke ĉiuj, kiuj interesiĝas pri lingvaj studoj trovos en tiu ĉi libro allogan materialon, kiu malfermos al ili novajn intelektajn horizontojn kaj kiu igos ilin komparadi samspecajn lingvojn kaj serĉadi komunajn elementojn eĉ en idiomoj inter si tre malproksimaj. Mi estas konvinkita, ke la tuta homa gento havis en la komenco unu solan lingvon, de kiu kun la irado de la jarcentoj kaj jarmiloj naskiĝis la ĉefaj lingvoj hodiaŭ ekzistantaj kaj kelkaj jam mortintaj. Nuntempe estas malfacilege malkovri elementojn identajn inter Eŭropaj kaj Orient-Aziaj aŭ Afrikaj lingvoj. Tamen tiuj elementoj ekzistas, kaj la estimata leganto trovos en ĉi tiu verko plimalpli konvinkajn ekzemplojn, ĉar mi ne limigas min je la hindeŭropaj lingvoj, kiel estas kutime inter lingvistoj, kiuj komparas la gramatikajn kaj vortarajn formojn de Eŭropaj kaj Aziaj popoloj. Mi submetas al konsiderado kaj komparado pli ol 60 idiomojn, por influi la pli bonintencajn spiritojn plene konvinkiĝi pri la LINGVA UNUORIGINO kiel ia forta bazo de la noblaj aspiroj je TUTMONDA FRATECO.

Espereble naskiĝos profitaj fruktoj el ĉi tiu mia modesta laboro!

São Feliciano, Decembro 1928.

# Instituto Tomie Ohtake

**Paulo Sergio Viana**



Tomie Ohtake

La plastikartistino Tomie Ohtake naskiĝis en Kioto, Japanujo, en la jaro 1913, sed migris al Brazilo kaj fariĝis aŭtentika Brazilano kaj aparte grava civitano en Sanpaŭlo. Ŝi venis al nia lando en 1936, ĉi tie ŝi edziniĝis kaj naskis siajn filojn.

Ŝi estas alte taksata artistino en pentro- kaj skulptoarto. En la komenco de sia kariero, ŝi produktis figurajn bildojn. Poste, ŝi alprenis abstraktisman arton kaj tiel ŝi atingis enlandan kaj internacian rekonon. Fakuloj asertas, ke ŝiaj pentraĵoj esprimas unikan teksaĵon de formoj kaj koloroj. Ŝi ricevis diversajn gravajn premiojn, interalie en la prestiĝa arteksposicio de Venecio, en 1972.

Tomie Ohtake mortis en Februaro 2015 kaj lasis en Sanpaŭlo sian markon. En diversaj publikaj lokoj oni povas admiri ŝiajn skulptaĵojn. En ĉi tiu urbo fondiĝis en la jaro 2001 Instituto Tomie Ohtake, kiu funkcias kiel kulturcentro, muzeo, kursejo, ekspoziciejo, ateliero. Tie estas eble viziti restoracion, kafejon kaj librovendejon. Ĝin arkitekturis Ruy Ohtake kaj ĝin estras Ricardo Ohtake, ambaŭ filoj de la granda artistino. Ĝi estas nepre vizitinda: Avenuo Brigadeiro Faria Lima, n-ro 201.



La Instituto (verko de Ruy Ohtake)



Monumento pri la Japana enmigro

**Jubileo (Maria Nazaré Laroca)**

Antaŭ cent dek jaroj, en Bulonjo,
ĉe kongreso de “homoj kun homoj”,
la unua verda familio
entuziasme plene ekfloris
pro  l’ rava lingvo internacia.

Lazar’ Ludoviko Zamenhof,
(kvankam mondo sangas pro perforto)
per la blovo de facila vento,
via luma ideal’ traboris
la granitajn barojn de homsento.

Kun ĝoj’, la centan UK-on ni festu!
Antaŭen sub la paca standardo,
ni iru laŭ la voj’ de l’ espero
kaj tra l’ Tero ni tiel trumpetu:
Esperant’ homigos la homaron!

## Gramofona parolado de Zamenhof por la unua datreveno de la Londona Esperanto-Klubo (12-01-1904)

*Estimataj sinjorinoj kaj sinjoroj! — Ne havante la eblon partopreni persone en la unua jarkonveno de la Londona Klubo Esperanta, mi sendas per fonografo mian koran saluton al ĉiuj partoprenantoj en la kunveno. En mia imago mi prezentas al mi, ke mi sidas nun inter vi, estimataj anglaj amikoj de la ideo de lingvo internacia, kaj mi ĝojas kun vi pro la belaj fruktoj, kiujn via energia laborado donis en la daŭro de la foririnta jaro.*

*Antaŭ unu jaro nia afero estis ankoraŭ tre malmulte konata en via lando, kaj nun ni havas en via lando jam tre multe da varmegaj kaj sinceraj amikoj, ni havas diversajn klubojn de esperantistoj, ni havas konstantajn kursojn de Esperanto, ni havas belan gazeton esperantan.*

*Preskaŭ ĉio estas frukto de laborado de la klubo Londona, kiu povas esti fiera je la rezultatoj de sia unujara penado. Al la noblaj kaj energiaj konduktantoj kaj laborantoj de la Londona Klubo Esperanta nia afero ŝuldas koran dankon.*

*Parolante pri la sukcesoj de la klubo Londona, mi ne devas forgesi pri tiu malgranda rondeto esperantista en Keighley, kiu metis la komencon por nia afero en Anglujo. Nian koran saluton al la esperantistaj Kiĥlianoj! La laboradon de la Londona Klubo Esperanta la tuta mondo esperantista observas kun granda intereso. Ni ĉiuj esperas kaj antaŭsentas, ke pli aŭ malpli frue Londono fariĝos unu el la plej gravaj centroj de nia afero por la tuta mondo. Londono longe dormis, sed kiam ĝi vekiĝos, tio estos de leono. Potenca voko iros el Londono kaj ĉiam pli kaj pli sonados kaj resonados en ĉiuj partoj de la mondo. Kun atento la popoloj aŭskultados la voĉon venantan el la potenca centro de la angle-parolantaj regionoj. Kiam pri frateco de popoloj kaj pri neŭtraleco de internaciaj rilatoj ekparolos tre potenca popolo kiel la angla, la mondo aplaŭdos kun entuziasmo, kaj tiu sankta afero, por kiu ni batalas, ekmarŝos rapidege.*

*Esperantistoj en Londono, esperantistoj en Anglujo, laboru kuraĝe kaj energie. Malfacila, tre malfacila estas la semado, sed dolĉaj kaj benitaj estos la fruktoj. Granda kaj grava estas via rolo. La tuta mondo esperantista rigardas vin kaj multe de vi esperas.*




**51-a Brazila Kongreso De Esperanto - BKE**
**36-a Brazila Esperantista Junulara Kongreso - BEJK**
**14-a Infana Kongreseto de Esperanto - BIKE**

Universidade Federal do Amazonas - UFAM
Faculdade de Ciências Agrarias - FCA
Mini Campus - 22 a 26/jan/2016

Manaŭso - Amazonio

## Organizantoj:

Amazonia Esperanto Asocio

Brazila Esperantista Junulara Organizo
Bejo

## Apogantoj:

UFAM

FACULDADE DE CIÊNCIAS AGRÁRIAS

Por pliaj informoj vizitu la retejon de Brazila Esperanto-Ligo

http://esperanto.org.br

